# IRĚJO - Bulteno

**Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo**

N-ro : 7 Februaro - Marto 1995 Báhmán - Esfánd 1373


17.9.1373
8.12.1994

TEHRANO

# DUA IREJO Renkontiĝo





## Adresoj

**IRĔJO - Bulteno**

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo

●Redaktoro : M.Reza Torabi●Korektisto : Hámze Ŝáfii

●Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani ●Eldona ordo : du monate

●poŝta adreso : P . O . Kesto : 17765-184, Tehran-17, Irano


**Irana Esperantista Junulara Organizo-IREJO**

Landa sekcio de:Tutmonda E-ista Junulara Organizo-TEJO

Landa filio de : Internacia Scienca Asocio Esperantista-ISAE

UEA kodo : irej-n , FEL kodo : irej-n

Fondita : Julio 1993/Tir 1372

Telekopiilo(Fakso) : +98 21 363232

P . O . Kesto : 17765-184 , Tehrano .

IREJO Estraranoj :

**Ĉefgvidanto** : M . Reza Torabi(Planado, Eksteraj Rilatoj,Informado), p/a IREJO

**Vicgvidanto** : Ábdollah Hákimneĵad(Instruada Rondo, Universitataj Rilatoj), P . O . Kesto : 91375-1346, Máŝhádo.

**Ĝenerala Sekretario,Kasisto** : Ábbas Bagestani(Komputila Rondo), P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : +98 21 6612445

**Sekretario** : Ĝámŝid Áhmádi(Scienca Rondo),Daneshkade Pezeshki,Daneshgahe Shahid Beheshti,Tehran-Evin .

**Dankon**

La IREJO estraro esprimas sian elkoran dankon al D-ro Mohámmád Pezeŝki pro lia subteno kaj kunlaboro por aranĝi la 2a IREJO renkontiĝo. Ni esperas ke kunlaborante kun D-ro Pezeŝki haviĝu fruktodonajn kunlaboradojn pri la disvolvado de E-o movado en nia lando.

# Saluton!

Feliĉe dum la pasintaj monatoj okazis bonaj eventoj al la asocio kaj paŝo post paŝo ade ni antaŭenirigas la aferojn. La 2a IREJO renkontiĝo plensukcese okazis kaj oni sin preparas al la 3a kiu baldaŭ okazos.

La asocia informilo ĵus festis sian unu jaraĝecon kaj jen alpaŝas al sia dujaraĝeco. Ĝojindas ke la bulteno fine trovis sian ordon kaj ĉiu du monate aperas. Sendube mi ne opinias ke la bulteno estas en ideala formo sed ankaŭ ni memoru ke ĝi prepariĝas preskaŭ sen propra facilaĵo, ĝin ni aperigas nur laŭ la forto de la amo kaj ne alia motivo. Ĉu iu kunhelpos nin?

La venontan numeron ni publikigos antaŭ la jarfino kun riaĉaj paĝoj. Mi atendos viajn kontribuaĵojn. Amike salutas,

La Red.

**Adresŝanĝo**

Ábdollah Hákimneĵad havas novan adreson :
P . O . Kesto : 91375-1346, Máŝhádo

**Telefonŝanĝo**

Ŝanĝiĝis la oficeja telefon-numero de Ábbas Bagestani, jen la nova : (021) 6468204

# ENHAVO :

# Kion oni devus scii pri UEA

**Kongresoj kaj konferencoj :** Ĉiujare UEA organizas Universalan Kongreson. Kutime aliĝas pli ol 2,000 personoj. Partoprenas plimulto de la asocioj kaj institucioj de la Esperanto-movado. En ĉiu kongreso oni organizas inter 150 kaj 200 programerojn de diversaj specoj : laborkunsidoj, seminarioj, kulturaj kaj distraj aranĝoj, kaj ĉiam pligrandiĝanta nombro da fakaj kunsidoj. Lige al la kongreso oni prizorgas vojaĝojn al ĝi, loĝigon, turismajn programojn kaj aliajn servojn. Samtempe kun la UK okazas Internacia Infana Kongreseto.

**Kunordigo :** Al asocioj kaj aliaj instancoj en la Esperanto movado UEA donas konsilojn pri agado, proponas prioritatojn, kunordigas diversajn komunajn projektojn ktp.

Per prezentoj en la Jarlibro, UEA informas la Esperantan publikon pri la diversaj asocioj kaj institucioj en la Esperanto movado. UEA funkciigas interŝanĝon de spertoj kaj de ideoj pri agado, per raportoj en la revuo Esperanto, per kunvenoj en la Universala kongreso, kaj laŭokaze per aliaj kunvenoj kaj eldonaĵoj.

**Informado :** En la Centra Oficejo funkcias Informado Fako. Ĝia ĉefa celo estas helpi la landajn asociojn kunordigi kaj plibonigi sian propran informan laboron. La Informada Fako aperigas la bultenon Influo por landaj kaj lokaj aktivuloj pri informado kaj de tempo al tempo gazetarajn komunikojn pri grava movada evento aŭ evoluo.

**Regiona agado :** Sub la aŭspicioj de UEA evoluis en la lastaj jaroj sukcesaj kampanjoj en mondopartoj, kie ekonomia nivelo, transpagaj malfacilaĵoj k. s. malhelpas agadon por Esperanto.

En **Azio** la Esperanto-movado disvastiĝas pere de certaj projektoj. Projekto A kovras kunlaboron inter la aliĝintaj landaj asocioj, per Projekto B oni ekspedas kompetentajn instruistojn al landoj kie praktike ne ekzistas nia movado aŭ kie estas bezonataj altnivelaj instruistoj. Projekto C ligas aktivulojn al UEA per membreco ktp. Projekto Ĉ celas sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj kaj Projekto D prizorgas sendon de libroj al Esperanto-asocioj en Azio. Por efike progresigi la projektojn, estrarano So Gilsu kaj redaktoroj gesinjoroj Doj aperigas laŭokaze interesan gazeteton Esperanto en Azio kun raportoj el diversaj landoj. Ne abonebla, ĝi cirkulas inter la

aktivuloj kaj kontribuantoj. Interesatoj sin turnu al estrarano profesoro So.

Sendepende de ĉio ĉi nia plej konata misiisto sendube estas Joachim Werdin, kies valorega laboro estas priskribata en liaj regulaj artikoloj sub la nomo Joakimo Verdeno en la revuo Esperanto, en Heroldo de Esperanto, Esperanto en Azio, El Popola Ĉinio kaj aliloke. Kiu deziras rekte subteni lian laboron povas fari kontribuon al lia UEA-konto jwer-i.

La **afrika** agado de UEA komenciĝis en 1980. En 1989 kaj 1990 ĝi akiris sian strategian fundamenton por la jardeko ekde 1990. En iuj landoj de Afriko, sed ankoraû ne en ĉiuj, la movado faris radikojn. UEA strebas al memstarigo de la afrikaj asocioj, sed financa helpo restos ĉiam necesa. La Fondaĵo afriko de UEA subvencias jare per ĝis 40,000 guldenoj. Tiu sumo ŝajnas granda, kaj aldoniĝas al ĝi la konsiderinda helpo de aliaj internaciaj asocioj, fakaj, landaj asocioj, kluboj kaj unuopuloj el aliaj kontinentoj. La monhelpo tamen ne permesas kreskon de la afrika movado preter la unua amplekso. La afrika agado do ne celas krei pli da Esperantistoj en Afriko, sed celas intensigi la uzadon de Esperanto inter la jamaj Esperantistoj.

**Ĝenerale :** UEA tenas kontaktojn kun la aktivulojn en tiuj landoj, donas konsilojn pri agado,peras korespondkontaktojn, organizas ĝemeliĝojn inter kluboj, aranĝas korespondkursojn, eldonas kaj provizas lernolibrojn, vortarojn kaj informilojn, ktp.

**Eksteraj rilatoj :** Aparta oficejo de UEA en novjorko (Usono) prizorgas la kontaktojn de UEA kun Unuiĝintaj Nacioj(UN), kaj kun ties instancoj. UEA reprezentiĝas en multaj kunvenoj de UN, kaj flegas kontaktojn kun la landaj misioj.

Kun Unesko, la Organizo de UN pri Edukado, Scienco kaj Kulturo, UEA havas formalan ligon en kategorio B, informaj kaj konsultaj rilatoj. UEA reprezentiĝas en konferencoj kaj laborkunsidoj de Unesko, kaj estas ofte petata doni konsilojn aû kunlabori pri komune interesaj demandoj.

UEA estas en konsultaj rilatoj kun la Konsilio de Eûropo. UEA havas ĝeneralajn kunlaborajn rilatojn kun la Organizo de Amerikaj Ŝtatoj, kaj aktivas por informado ĉe la Eûropa Komunumo, la Monda

# Kion oni devus scii pri UEA

Federacio de Asocioj pri UN, la Monda Organizo pri Turismo, kaj laŭokaze ĉe aliaj interŝtataj kaj internaciaj organizoj kaj konferencoj. Fojfoje UEA mem iniciatas konferencojn por tiaj organizoj, aŭ partoprenas en ilia organizado.

**Kulturo kaj edukado :** UEA funkciigas diversajn agadojn ,kiuj celas altigi la lingvan nivelon kaj kontribui al internacia kultura interŝanĝo : belartaj konkursoj , internacia ekzameno , lingva servo , kongresa universitato, seminaroj, magnetofona servo, koresponda servo kaj aliaj servoj, kongresaj programoj kaj eldonaĵoj.

**Delegita reto :** 2400 delegitoj, en 87 landoj, proponas personajn servojn de multaj diversaj specoj : turisma informado, helpo dum vojaĝoj, respondoj al fakaj demandoj, konsiloj pri teknikaj problemoj ktp. Krome, multaj delegitoj mem iniciatas diversajn agadojn, eluzante la fakton, ke en multaj agadoj delegito estas loka reprezentanto de UEA. Kvardeko da ĉefdelegitoj kaj perantoj helpas en la superrigardado kaj kunordigo de la delegita reto.

**Administrado :** La Centra Oficejo de UEA, en Roterdamo (Nederlando), faras la ĉefan parton de la administraj laboroj bezonataj por la agadoj de UEA kaj por la kunordigo de tiuj agadoj. Tio inkludas i. a. administradon de adresaro kun pli ol 20,000 adresoj, klasifikitaj laŭ proks. 100 kategorioj ( membrecoj, abonoj, postenoj k. s. ), kaj de financoj, kun pli ol 2,000 kontoj.

**Libroservo :** La libroservo de UEA, kiu troviĝas en la Centra Oficejo, vendas praktike ĉiujn Esperantajn librojn, periodaĵojn, diskojn, kasedojn, filatelaĵojn kaj aliajn varojn, kiuj estas akireblaj en la merkato. La abonservo funkcias kadre de la libroservo kaj peras abonojn al kvindeko da Esperantaj periodaĵoj .

El Jarlibro 1992

# Memorinda Kunveno

la 2a IREJO renkontiĝo okazis renkonte " la tago de E-o libro " en la 18an de Azár 1373 (8.12.94) en Tehrano.

Dudek geesperantistoj partoprenis en la renkontiĝo kaj per siaj ĉeestoj reklamis la vivon de Esperanton en nia lando.

la renkontiĝo oficiale okazis de la 14a ĝis la 18a horo. Komence, D-ro Pezeŝki, kiu subtenis la aranĝadon, prelegis pri la situacio de E-O en Irano kaj la taskado de Iranaj Esperantistoj pri ĝia disvolvado.

S-ro Aref Azári estis dua parolanto, kiu esprimis sian opinion pri la instruado de E-o en nia lando. Ankaŭ li parolis pri la vivo de Zamenhof kaj lia filozofio. La tria parolanto estis M. Reza Torabi, kiu parolis pri IREJO kaj ĝia agado.

La posta parolanto estis Ábdollah Hákimneĵad. Li legis sian artikolon pri IREJO aktivado kaj estontaj projektoj. Ĝámŝid Áhmádi legis sian artikolon pri la scienca agado kaj aktivado. Laŭ lia opinio sen sciencaj agadoj kaj aktivadoj E-o ne povas sukcesi en nia lando.

Aliaj partoprenantoj ĉiuj koncize esprimis siajn ideojn kej opiniojn pri la renkontiĝo kaj la movadaj aferoj.

**Koncize pri la Renkontiĝo:**

- Novaj kontaktoj okazis dum la renkontiĝo kaj oni proksime konatiĝis kun unu la alia .
- Partoprenantoj esprimis siajn entuziasmojn por okazigi la venontajn E-o kunsidojn.
- Dum la renkontiĝo ĉiuj partoprenantoj uzis Esperanton kaj la atmosfero estis laŭ Esperanta stilo.

Jen la Nomoj de la partoprenantoj en la Dua IREJO renkontiĝo :

D-ro Mohámmád Pezeŝki, D-ro Ĝulazade, D-ino Namdar pur, S-ro Aref Azári, F-ino Inĝ. Fateme Solát, M.Reza Torabi, F-ino Fáriba Máĝd, Ábdollah Hákimneĵad, Ábbas Bagestani, Gesinjoroj Salemi, S-ro Fuladpur, F-ino Rahele Ráhimipur, S-ino Nástárán Namdar pur, S-ino Ákrám Razgordani, Ĝámŝid Áhmádi, Mohámmád Reza Táŝákori, Hámze Ŝáfii, Másud Sámádipur, Máĝid Dehŝiri, Hosejn Moŝiri.

## La Mesaĝo de A . Hákimneĵad al la samideanaro

**Saluton al vi**

Konsiderante la kreskon de verdstela floro sur la 80 jara tombo de Esperanto en nia lando, kaj konsiderante la fakton ke E-movado en Irano oficiale dependas al IREJO, estas tre inda ke, ni, (precipe IREJO-anoj) age kaj klopodeme sed neĉantaĝe kaj prelege, gardu nian nacian fieron. Kaj eviteme de kia ajn infektado akceptu tiu-ĉi (ne)invititan gaston, kun malferma koro, ne kun malferma pordo. Eble "mi" aŭ "vi" iam neestos sed "ni" estos ĉiam estanta fakto. Tial se IREJO fruktus honoron aŭ eble honton, ĝi certe estus por ni ĉiuj Iranaj E-movadanoj, Laŭ mi IREJO jam nebezonis kaj nebezonos aliulojn kiuj ĉu kontraŭas ĉu mokas ĉu sekvas ĝian futuron per malvarma rigardo. Do, de tiu-ĉi momento ni devas serĉi rimedojn por eltiri IREJO-an morgaŭon el la malvarma atmosfero kaj garantii ĝin. sukceson.

**Sincere via; A . Hákimneĵad**

---

## Mia Urbo " Kángavár "

**De : Áli Ásgár Kosári**

Kángavár estas urbo en Kermanŝahan-provinco, situante je la orientlongitudo de 47˚-57˚ kaj je la nordlatutido de 34˚-30˚. Ĝi limas norde al la urbo Ásádabad, sude al la urbo Náhavánd, kaj okcidente al la urbo Sahneh. La urbo havas proksimume 500 kvadrat-kilometrojn da vasteco. Ĝia mezalteco laû la marsurfaco egalas 1500 metrojn.

**Naturaj kvalitoj :** plej altaj montoj en Kángavár nomas Ámruleh kaj Bozab. Ámruleh havas proksimume 3000 metrojn da altaĵo. La jara mezplurkvanto en Kángavár egalas proksimume 300 milimetrojn. La urbo havas mild_montaron klimaton.

**Homaj kvalitoj :** Laû la popolnombrado en la jaro 1991, loĝas en Kángavár kaj ĝiaj vilaĝoj proksimume 80,000 da homoj. La urbo havas unu distrikton kaj 61 vilaĝojn. La plej ordinara funkcio de regionpopolo esats agrikulturo kaj brutobredado. La raso de Kángaváranoj esats el Kurdaj kaj Loraj nacioj. Oni parolas en la urbo

Persan kaj Kurdan lingvojn kaj en la vilaĝoj la Kurdan, Turkan kaj Loran dialektojn.

**Historiaj kvalitoj :** La fameco kaj graveco de Kángavár estas pro antikva templo, kies nomo estas Anahita. Oni konstruis tiu ĉi Anahit-templo restas. Anahita estas la nomo de Diino de akvo, abundo, beleco, fekundeco kaj generado en pra Irana mito. Unua Eŭropana geografisto, kiu menciis Kángaváron en siaj verkoj estas Izidor Ĥaraksi. Ankaŭ multaj aliaj turistoj kaj geografistoj vizitis Kángaváron kaj laŭdis ĝin. Mohammad ebne Ahmad Tusi en sia libro nome " Mirigaj kreaĵoj " pri mirindaj kolonoj de Anahita templo, skribas " Dio scias kiel oni konstruis ĝin kaj per kia forto! ".

## Esperanta lernolibro de Fiziko

Internacia grupo verkas lernolibron de fiziko en lingvo Esperanto. La verko estas celata unuavice al studentoj de la unuaj universitataj lernojaroj, speciale al tiuj en la t. n. tria mondo. Tial ĝi estos malmultekosta kaj neluksa. Ĝi konsistos el aparte legeblaj libretoj, ĉiu el kiuj traktos unu temon.

La verko estos unuavice eduka kaj klariga kaj havigu ĝisfundan komprenon de la nocioj kaj konceptoj de fiziko. Ĝi estu bona konsultlibro. Ĝi havu bonajn indeksojn kaj referencojn.

La verko ne estos tre teoria. Ĝi havos sciindaĵojn pri ĉiutaga homa medio. Leganto kun ĉirkaŭ dekjara lerneja edukiteco povos facile kompreni la enhavon. Por helpi al universitataj studentoj estos anakû partoj kun supera matematiko ( la ĵus menciitaj personoj povos kompreni tion per legi la volumeton, kiu prezentas la matematikajn rimedojn) . Ili estas disigitaj de la ĉefa teksto.

Bonaj desegnoj kun finkalkulitaj kaj ĝispensitaj problemoj helpos studentojn. multa atento estos sur la fizika pensmaniero kaj al problemsolvado. La verko strebas esti pli bona ol la nacilingvaj lernolibroj, speciale pro travidebla terminaro, simpla lingvaĵo kaj klareco de la prezento. Vera internacieco de la verkantaro helpas eviti la naciajn strangaĵojn.

La tasko verki originale la unuan lernolibron de fiziko en

## Por via noto!

Esperanto estas granda. La projekto apenaû donos profiton al la verkantoj kaj kunlaborantoj.

Se vi pensas, ke vi povos iel kontribui, kontaktu la kunordiganton :

Matti Lahtinen, Syrjälänkatu 6 B 61,
FIN-40700 Jyväskylä, Finnlando

## Organizaĵoj internaciaj

| | |
|---|---|
| AL | Araba Ligo |
| ELKA | Eûropa Liber-Komerca Asocio |
| EU | Eûropa Unio |
| ĜKDK | Ĝenerala Konvencio pri Dogano kaj Komerco |
| KE | Konsilio de Eûropo |
| KSŜ | Komunumo de Sendependaj Ŝtatoj |
| IAE | Internacia Asocio por Evoluigo |
| IAEA | Internacia Atom-Energia AgentejoI |
| BRE | Internacia Banko por Rekonstruo kaj Evoluigo |
| ICAO | Internacia Civil-Avia Organizaĵo |
| IFK | Internacia Financa Korporacio |
| ILO | Internacia Labor-Organizaĵo |
| IMF | Internacia Mona Fonduso |
| IOMK | Interregistara Organizaĵo por Marafera Konsultado |
| ITU | Internacia Telekomunika Unio |
| KUNE | Konferenco de UN pri Komerco kaj Evoluigo |
| MOM | Monda Organizaĵo pri Meteologio |
| MOS | Monda Organizaĵo pri Sano |
| NAO | Nutraĵa kaj Agrokultura Organizaĵo |
| NATO | Nord-Atlantika Traktat-Organizaĵo |
| OAPEL | Organizaĵo de Arabaj Petrol-Eksportaj Landoj |
| OAU | Organizaĵo por Afrika Unuiĝo |
| OPEL | Organizaĵo de Petrol-Eksportaj Landoj |
| OUNID | Organizaĵo de UN pri Industria Disvolvado |
| UN | Unuiĝintaj Nacioj |
| UNESKO | Organizaĵo de UN por Edukado, Scienco kaj Kulturo |
| UPU | Universala Poŝta Unio |

## Kune ni kantu!

### Esperanto estas la lingvo por ni !

Sur montoj kaj stepoj kaj valoj
Ĉe tuta la mondfamili '
Facilas la interparolo
Ĉie eliras la kri ' :
" Esperanto estas la lingvo por ni, por ni "
" Esperanto estas la lingvo por ni "

En densa tropika ĝangalo
Dezerto kaj eĉ en galici '
Solviĝis la lingva problemo
El ĉie eliĝas la kri ' :
" Esperanto estas la lingvo por ni, por ni "
" Esperanto estas la lingvo por ni "

Kamparanoj, Urbanoj, Maristoj
Riĉuloj, Povruloj, kaj ni
Jam uzas la Zamenhof lingvon
Do vivu prospero la kri ' :
" Esperanto estas la lingvo por ni, por ni "
" Esperanto estas la lingvo por ni "

Sur tuta la vasta terglobo
En urboj kaj teritori '
Troviĝas samideanaro
Kaj sonas de ĉiuj la kri ' :
" Esperanto estas la lingvo por ni, por ni "
" Esperanto estas la lingvo por ni "

Ĉiel' nordo kaj ĉiel ' oriento
Ĉiel ' sudo kaj ĉiel ' okcident '
Aŭskultu la gaja anonco
Aŭdiĝas per karesa vent'
" Esperanto estas la lingvo por ni, por ni "
" Esperanto estas la lingvo por ni "

Vera Pejn

## IREJO Biblioteko

La manko de propra Esperanta biblioteko videblas inter Irana Esperantistaro, kaj tiu ne realiĝos sen nia agado, ĉu ne ?
Oni en IREJO celas starigi bibliotek(et)on, eble tiu iom solvigu la nunaj malfacilaĵojn pro la manko de Esperantaĵoj kaj legaĵoj. Se vin interesas la afero helpu la ideon kaj kontribuu praktike, donacante Esperantaĵojn.
Ne estos malproksima se ni sincere laboru por krei la Bibliotekon kaj uzadi ĝian diversan utilecon.
Ni atendas vian kunlaboron.

## Turismaj Informaĵoj

Vojaĝantoj kaj ĉiuj aliaj interesantoj sendante 2,000 rialoj nestampitaj poŝtmarkoj povas ricevi la aktualajn informaĵojn pri la jaro 1995, kiun publikigis " Monda Turismo ".

## E-o kursoj en Tehrano

Novaj Esperantaj kursoj estas aranĝitaj en Tehrano laŭ du kategorioj, por la komencantoj kaj por la progresantoj. La detalajn informojn petu ĉe : (021) 845710 kaj 896218, " D-ro Pezeŝki "

## Scienca Rondo :

La aktivado estas planita
Scienca Rondo (SR) de IREJO por la venonta jaro (1374) havas riĉan programon, la aktivulojn SR invitas al la kunlaborado. Detalaj informoj ĉe Ĝámŝid Áhmádi.

" Verda Kajero " **دفتر سبز**

شماره یکم در بهار ۱۳۷۴ منتشر خواهد شد

با مجموعه ای از مقالات گوناگون فارسی و اسپرانتو در زمینه زبان اسپرانتو

علاقمندان می توانند مقالات و نوشته های خودرا به فارسی یا اسپرانتو

جهت درج در " دفتر سبز " تا پایان فروردین ماه ارسال نمایند.